estis plensukcesa.Laŭ la nombro de la partoprenintoj ĝi estis la plej grandioza el ĉiuj ĝisnunaj UEK **kun preskaŭ 3500 pers.** el 44 landoj . Laŭ la organiza, faka kaj precipe arta vidpunktoj, ĝi estis la plej altnivela.

Sur nia skribotablo kuŝas jam la ampleksa skriba raporto de k-do Čambál krome la duobla prikongresa numero de Heroldo de Esperanto, la kongresa n-ro de Revuo Esperanto kaj tiu de Franca Esperantisto. Bedaŭrinde pro lokmanko ni devas limigi nur je kelkaj rimarkoj, ĉar fine ankaŭ Nuntempa Bulgario aperigos detalan raporton.

Okaze de la solena malfermo la honora patrono,k-do Georgi Trajkov, bulgara vicĉefministro, prezentis gravan kaj multe aplaŭdatan politikan kaj porpacan paroladon kaj dum la tuta solenaĵo li - en traduko - atente sekvis la alparolojn, salutojn kaj la skizon de Prof. Gaston Waringhien, la nova prezidanto de la Akademio, pri la signifo de la bulgara kulturo kaj atingaĵoj de la bulgara literaturo.

La III-a Konferenco de Mondpaca Esperantista Movado kunvenigis proksimume 500 delegitojn el la socialismaj landoj, kies elektitaj en la novajn estraron kaj komisiojn, do ĝi povos respondece plenumi siajn gravajn taskojn en la batalo **por la tutmonda paco. La konferenco sendis salut-telegramon** al N.S.Ĥruŝĉov okaze de la konvencio pri parta malpermeso de la eksperimentoj kun nukleaj armiloj.

La reprezentantoj de la socialismaj landoj ĉeestis en kvanto ĝis nun nevidata: el Pollando proksimume 400 , el Hungario 300, el Bulgario 800.El ČSSR,USSR kaj **Germana Demokratia Respubliko venis inter 30-80** personoj. La ĉeĥoslovakan oficialan delegitaron reprezentis k-doj Francisko Sviták el Praha kaj Aŭgusteno Čambál el Martin. La esperantistoj el socialismaj landoj okazigis neoficialajn kunvenojn kaj privatajn renkontiĝojn, el kiuj por ni la plej valoraj estis la interŝanĝoj de spertoj kun la sovetaj gesamideanoj,frunte kun Prof. Bokarev kaj Inna Jakovlevna Varnarina el la "Komisiono pri internaciaj rilatoj de sovetaj esperantistoj".

Dum la kongrestagoj estis disdonitaj broŝuroj kaj propagandfolioj : krom kelkaj ĉeĥoslovakaj kaj unu bulgara ni posedas unu sovetan kun 22 kantoj de sovetaj komponistoj: la unua parto enhavas la tekstojn, la dua la notojn. La intereso pri la broŝuroj senpage disdonitaj estis grandega, do ni devas jam nun prepari taŭgajn propagandilojn por la venonta UEK.

Ankaŭ la teatraj kaj aliaj artaj prezentadoj - tre altnivelaj - instigas nin pripensi kaj certigi la partoprenon de niaj teatraj kaj kant- kaj dancgrupoj respektivaj. Bedaŭrinde eble nur en 1966a jaro okazos denove UEK en socialisma lando (ĉu Hungario ?).

---

# Ankaŭ ni ĉeĥoslovakaj Esperantistoj havas revolucian tradicion

Pri Esperanto mi eksciis post la unua jaro de la unua mondmilito, kiel 10.jara loĝanto de orfodomo. La internacia lingvo fariĝis mia fidela amiko por la tuta vivo.

Dek jarojn poste mi ekmilitservis en Jihlava kaj korespondadis interalie kun esperantistoj en USSR, precipe kun ruĝarmeanoj Voldemar Bobrov en Smolensk kaj Anatolij Leonov en Moskva. Ĉar tiam korespondi kun Rusoj ruslingve estis danĝere, mi uzis Esperanton kun plena sukceso. Voldemar sendis al mi leteron, kiun mi tradukis en la ĉeĥan, multobligis kaj senbrue disvastigis en ĉiuj rotoj de la tiama 31-a infanterista regimento en Jihlava,kaj poste, **kiam mi estis translokigita en la urbon Jeseník /tiama Frývaldov/, ankaŭ en** ĉiuj rotoj de la tiea 7-a limbataliono.Ĉar Voldemar almetis sian foton en uniformo de ruĝarmeano,mi multobligis ĝin ankaŭ kaj disdonis. Voldemar skribis,ke ĉe akra pafado lia instruktoro diras:"Kiam vi celas, vidu la nigran koron de la **sklaviganto,** ekspluatanto!"

En 1929 mi sendis al la redakcio de "Sennaciulo" artikolon kun titolo "Du tagoj el la vivo de burĝarmeano". En ĝi mi i.a. rakontis, kiel oni min arestis pro la disvastigado de la gazeto "Rudé Právo" en la kazernoj. La artikolo finiĝis per jenaj frazoj : "Arestante min oni min senarmigis, sed kiam oni min liberigis , mi denove ricevis maŝinpafilon. Akrepafante mi ne vidis antaŭ mi paperajn figurojn, sed vivajn burĝajn oficirojn !"

Kvankam per tio mi multon riskis, tamen neniu serĉis la aŭtoron. Mi ricevadis multe da korespondaĵo el ĉiuj kontinentoj,kaj la aŭstraliaj esperantistoj nomis min "La unua paca hirundo"

Kiel ano de Kompartio Ĉehoslovaka ekde la jaro 1925, mi fariĝis en 1928-29 prezidanto de la komunista grupo en la tiama ĉeĥoslovaka Esperanto-movado. Mi vivis en Zlín,la nuna Gottwaldov,kie mi loĝas ankaŭ nun.K-do Pachman el Praha,membro de ĉi tiu nia partia grupo,estis en 1934-38 arestita kaj kondamnita surbaze de falsaj akuzoj de Prahaaj reakciuloj kaj - sekretpolicanoj, kiel "spiono por USSR". Mi ne scias, ĉu k-do Puchman transvivis la naziistan okupacion kaj mi tre bedaŭras,ke neniu el ni dediĉis sin al elserĉado de la juĝdokumentoj de tiu vere interesa proceso,pruvanta, ke ni esperantistaj pacbatalantoj kaj **konstruantoj de socialismo kaj komunismo havas revolucian tradicion.** (Jarin Hošek)

---

SKRIBAS JULIE ŠUPICHOVÁ el Praha: "Kun ĝojo mi bonvenigis la Esperantan broŝuron pri Matice Slovenská. Mi multe dankas pro ĝi kaj samtempe gratulas al via bonega ideo uzi Esperanton tiucele. Kompreneble, ke mi dankis kaj gratulis al via jubileanta kulturinstitucio."

MATICA SLOVENSKÁ dostala mnoho pozdravov od zahraničných esperantistov, no slovenských možno porátať na prstoch jednej ruky a českých na prstoch oboch rúk, hoci v ČSSR sme rozoslali do 150 brošr "100 jaroj de Matica Slovenská"... Ešte nie neskoro - nezabudnite!

LA VIRINA KOMISIONO de la Ĉeĥoslovaka Esperanto-Komitato en Praha denove vizitis la urbon Lidice kaj ĉe la monumento de la mortpafitoj aranĝis piecan rememoron kun deklamado de poemo de Jana Cíchová. La poemon - en speciala belaspekta kovrilo kun pentraĵo de J. Schefer kaj kun subskriboj de ĉiuj ĉeestintoj - estis deponita ĉe la Loka Nacia Komitato. Poste en la Kulturdomo estis prezentita komuna programo de VK-ĈSEK kaj esperantistoj el Kladno.

NACIA ARTISTO MARTIN BENKA okaze de la 75-a vivjubileo estis distingita per Ordeno de la Respubliko. Elkoran gratulon!

DE NACIA ARTISTO Martin Benka ni ricevis jenan respondon: "Estimataj kaj karaj gesamideanoj! Akceptu sincerajn dankojn por viaj bondeziroj okaze de la 75-a datreveno de mia naskiĝtago kaj saluto el Žilina! Kore kaj samideane vin salutas via Martin Benka".

GEEDZIĜOJ. Du rondetanoj en Martin edziĝis dum aŭgusto: s-anoj Karol Šušoliak kaj Jozefo Špigúth. S-ano Šušoliak bedaŭrinde samtempe transloĝiĝis en la urbeton Nitrianske Sučany 150, okres Prievidza. S-ano Špigúth ankaŭ transloĝiĝis, sed pli proksime al Martin, do li povos daŭre kunlabori. - Koran gratulon al ambaŭ!

KORESPONDI DEZIRAS

B. BRICL, 29-jara metallaboristo, pri ĉiuj temoj. Adreso: "Čelik", KRIŽEVCI, Kroatio, Jugoslavio.

D-ro LUDOVIKO IZÁK, Gottwaldova ulica 14, MARTIN, Ĉeĥoslovakio, kun literaturistoj kaj verkistoj pri la teorio kaj praktiko de la verkado, inkluzive la versadon esperantlingvan.

PLI OL 40 JUNAJ ESPERANTISTOJ, film-amatoroj, -aktoroj, -artistoj, membroj de "JUN-FILM-STUDIO" deziras korespondi kun amatoraj foto-film-kluboj kaj unuopuloj. Skribu al la Redakcio de "Foto-film-Press" BUDAPEST, P.O. 119, P.k.6, Hungario, F-ino Julika Höpp-Inger, operatorino.

ESPERANTO-GRUPO de la Metiista Kooperativo aranĝos letervesperon komence de novembro. Ni petas leterojn amase. Ni respondos al ĉiuj gekorespondantoj, ĉar nia grupo havas sesdek membrojn. Adreso: ESPERANTO-GRUPO Boripari KTSZ, SZOLNOK, Beloiannisz ut 78, Hungario.

S-ano A.D. KREMER estas 90-jara, ne 85-jara, kiel ni erare anoncis. Tamen ni bedaŭras nur tion, ke ni povis "plijunigi" nian "paĉjon Kremer" nur surpapere! Eĉ se li tion rifuzas per sia poŝtkarto.

JULIO HAVAŠ 70-JARA. En Bratislava ĝisvivis sian vivjubileon s-ano Julio Havaš, fervora ano de la tiea Esperanto-rondeto kaj nia kunlaboranto. Li verkas sub pseŭdonimo Gnafalio kaj kontribuas al ĉiuj Esperantaj bultenoj aperantaj en Slovakio, krome al "PACO" kaj fremdlandaj gazetoj. Li verkas ne nur proze, sed ankaŭ poeziaĵojn /vidu lian poemon "Tragedio de l' pomo" en "Almanaketo, Literatura aldono al Esperanto en Slovakio 1957-8"/.

ESPERANTISTA RONDETO ĉe Parko de Kulturo kaj Ripozo en Brno /Hotelo Slovan, Lidická 23/ kunvenadas ĉiumarde je la 19-a horo. Ĝi aperigis la septembran n-ron de sia informilo kun programoj por la 4-a jarkvarono, konsistantaj ĉefe el valoraj prelegoj kaj artaj prezentadoj. La 14-an de decembro okazos en la halo de la Konservatorio solena koncerta vespero honore al la 104-a datreveno de la naskiĝtago de L.L. Zamenhof. La koncerton gvidos s-ano Prof. V. Schreiber. - El la informilo ni eksciis, ke s-anino Marie Adamcová, unu el la plej fervoraj klubaninoj kaj reĝisorino ĝisvivis sian sepdekon en bona sano. - La informilo entenas ankaŭ la tradukon de la poemo "PACO" de Fr. Bronislav, tradukitan de Jiří Kořínek, sekretario de la Klubo, kaj premiitan per la 2-a premio en la Belarta Konkurso okaze de la 48-a UEK en Sofio.

## OPRAVA CHÝB

**v „Základoch medzinárodného jazyka Esperanto"**

Str. 2, riadok 2 zdola — má byť:
*krátka*, ak po nej idú dve alebo viac spoluhlások: Esperanto, . . .

Str. 4. gramatika bod 1, riadok 2 — ma byť: ni = my

Str. 5, riadok 6 — má byť: mensogi

Str. 6: vypadol riadok s koncom 8. a začiatkom 9. vety; tieto vety majú znieť takto:
8. La hundoj povas kuri kaj naĝi, sed ili ne povas flugi.
9. La homoj povas kuri kaj naĝi, sed ankaŭ legi kaj skribi.

Str. 9, gramatika bod 4b), riadok 1 ma byť:
b) po určitých číslovkách nestojí *„da"*, ale len počítaný predmet v 1. alebo 4. páde:

Str. 9, gramatika bod 4c), riadok 3—4 má byť:

| | | |
|---|---|---|
| paro da kandeloj | dekduo da glasoj | cento da homoj |
| (pár sviečok) | (tucet pohárov) | (stovka ľudí) |

Str. 11, gramatika bod 4b) má byť:
b) osoby, ktoré sa zaoberajú nejakou činnosťou alebo sú privržencami nejakej idey alebo nauky natoľko, že ich to charakterizuje:

Str. 12, gramatika bod 1, riadok 2 má byť:
Pri prídavnom mene rozoznávame 3 stupne: základný (prvý), druhý a tretí.

Str. 20, riadok 17 má byť:
teron, subskribis ĝin, enmetis ĝin en koverton kaj surgluis

Str. 28, slovíčka, riadok 9 má byť: fanfaroni = chvastať sa

Str. 29, gramatika bod 4, riadok 5 má byť:
Keď od slovesného kmena tvoríme podstatné meno príponou —ul—, spravidla . . .

Str. 30, riadok 5 má byť:
du orelojn, sur ĉiu mano po (1c) kvin fingroj kaj en la buŝo

Str. 31, gramatika bod 1c), riadok 1 má byť:
c) podielové číslovky tvoríme predložkou *„po"* (ako v slovenčine); počítaný predmet po nich je v 1. páde:

Str. 42, gramatika bod 6, riadok 1 má byť:
6. Kmeň zlomku *duon*— (—½) ako predpona v zložených slovách označujúcich príbuzenský pomer znamená „ne-

Str. 47, slovíčka, stredný stĺpec, riadok 7 zdola — má byť: atendi — čakať.



Ĉion por la redakcio adresu: ESPERANTO, poŝtfako 80, MARTIN, Stredoslovenský kraj, Ĉeĥoslovakio

Ĉion por la administracio adresu: ESPERANTO-GRUPO GRAFIA, Srázná 17, JIHLAVA, Jihomoravský kraj, Ĉeĥoslovakio

Presis: GRAFIA Jihlava Q-17* 32249

Ján Botto:

## LA MORTO DE JÁNOŠÍK

(Specimeno el la III-a kanto)

Jam noktas. Dormas nigra urbo,la tiran´
maljuna -
sed timo ĝin inkubas dum la nokt´senluna,
la pekojn tagajn nun malhelo envualas ;
nur unu turo super ĝi akuze staras.
Ĝi supren altas al la nigra firmamento,
ĝis Dio ŝajne ĝi atingas en silento.
En morta dormo kuŝas tuta la naturo;
nur unu viro viglas en la nigra turo.
Popolo mallibera - dormu,songu bele:
suferas unu por vi en katen' kruele.
Al kiu plendas liaj ĝemoj kaj doloroj ?
Ekdormis jam ĉio - surdas noktaj horoj.
Jen ! Ĉu radio ia, aŭ birdeto blanka
alflugis tre silenta al fenestro flanka?
Ĉu venis gardanĝelo kun la palmo paca ?
Revenis la amino al popol´ mortlaca ?

Janĉjo mia, Janĉjo, vi koreto mia -
jen por vi ornamo el la flor´ lilia !
De maneto mia vi ornamon prenos,
ho, disigo mia, ho ve, jam alvenos !
Unu vojo supren, dua suben gvidos :
falko mia blanka, ĉu ni nin revidos?

Kaj florojn ŝi liliajn tra fenestro jetas,
aŭskultas, cu l´amanto ion diri pretas.
La floroj malaperis en la nigra ombro
kaj voĉ´ konata ĝemas el profunda tombo:

"Adiaŭ !" Kaj "Adiaŭ" eĥas voĉo mita,
ŝi falas sur genuojn kiel flor´ falĉita.
Enestas ja en tiu vorto sorĉmagia
la provizora tombo - kaj la gloro ŝia.
"Adiaŭ !" por hodiaŭ. Bonan nokton nune,
matene ni salutos bonan tagon kune.
"Adiaŭ !" por hodiaŭ !"Dio donu benon!"
kaj flugis ŝi for kiel psiko en edenon.
Ŝi flugas kaj forflugas kiel la diino,
kaj kanto cigna ŝprucas el sopira sino:

Vi Danubo mia, kara vi amanto,
iom nur atendu, vokas post mi kanto.
Haltu, kara, haltu, haltu iomete,
panjon mi rigardos ankoraŭ sekrete.
Panjo mia, panjo! kial vi nun ploras:
edzinigi vi min tute certe volas.
Naskis vi min, naskis, sed vi eĉ ne
revas,
kiu min hodiaŭ edzinigi devas !
Por la blanka falko vi min ja edukis,
sed en vastan kampon li min
forkondukis;
tie li min lasis kaj kiel edzinon
li al si elektis - nigran pendigilon.
Vi, karulo mia, vi edziĝi povos,
mi alian falkon por mi certe trovos.

Tradukis Paŭlo Rosa

Jana Cíchová:

## LIDICE

Dediĉita al "Virinoj de Lidice"

Ni venis tien ĉi jam foje,
kiam arboj estis senfoliaj,
kiam akra vento vangojn pinĉis,
kiam nuboj kuris surĉiele.
Nian koron la angor´ ekregis!
Florbukedojn metis ni al monument´ de l´ mortpafitaj,
kiuj devis iri for ...
- ni demandas - KIAL ?

Ni denove venas tien ĉi, la saman lokon,
kiam arboj je verdeco abundas,
kiam blovas suda varma vent´,
kiam la sunbril´ la teron senkompate vipas.
Kaj denove nian koron la angor´ ekregas!
Florbukedojn metas ni al monument´ de l´ mortpafitaj,
kiuj devis iri for ...
- ni demandas - KIAL ?

Hodiaŭ rozoj el la tuta mond´ ornamas lokon,
kie vivon piedpremis beste kruda bot´.
Rozaromo venkas la angoron
kaj ni ĉiuj portas la esperon:
certe iam tuta mond´ ja estos
de la rozoj bed´, sen dornaro,
car la dornoj restos porĉiame kronplektitaj
sur la martirkruco en Lidice por averto.



## RECENZO

La Zamenhofa Esperanto Simpozio pri "-ata /-ita". Ĉi tiun belaspektan kaj vastampleksan 330-paĝan libron sendis D-ro Tomáš Pumpr el Praha al D-ro Ludoviko Izák en Martin donace, kun kondiĉo, ke li ĝin cirkuligu inter la kompetentaj slovakaj esperantistoj. Ni aperigas la koncizajn rimarkojn de Ján **Valaštan** Dolinský :

"Dankon pro la prunto!La libro iom plivastigis mian scion pri la afero, kiu cetere nin Slavojn eĉ ne koncernas. Ja ankaŭ nia lingvo posedas verbo-aspektojn,el kiuj ĉe la uzado nur du estas gravaj, nome : la finaspektaj verboj (dokonavé slovesá) kaj verboj kun daŭra aspekto (nedokonavé slovesá). Se oni uzas tiujn ĉi verbojn pripenseme, ne povas fariĝi eraro . La tuta "-ata/-ita-batalo" okazas (is) propre pro la uzado aŭ neuzado de la "fina aspekto" en la pasiva voĉo ĉe du vortaj komplek - saj verboformoj, kie ago jam ne daŭras. La "atistoj-logikuloj (?)-simetriuloj", kies reprezentanto-advokato estas Teo Jung,kondamnas la aspektojn kaj ne rekonas la formon "-is,-ita" kaj konsekvence uzas anstataŭ ĝi la formon "-is - ata".

En la unuamarta n-ro de Heroldo de Esperanto 1960 el plumo de Teo Jung mem la diferencon inter la du skoloj -ata kaj -ita montras la raportaĵo pri la jubileo de la estimata membro X. Inter la rekta raportaĵo de la ĝuste okazanta jubilea solena de atiista kaj itiista raportistoj - estas neniu diferenco. Kie la unua uzas - ata, tie ankaŭ la alia uzas -ata kaj kie la unua uzas -ita, tie ankaŭ la alia uzas la saman finaĵon. La diferenco vidiĝas en raportaĵoj pri la jubilea soleno jam okazinta. Por ŝpari lokon, la diferencon mi indikos parenteze senpere post la atiste formo.

"Hieraŭ estis festata (festita) la jubileo de nia estimata membro X. La salono estis bele ornamita. La publiko estis digne vestita. La jubileulo de ĉiuj gratulata kaj valora libro, presita sur luksa papero arte bindita estis al li donace transdonata (-donita)."

Estas tre evidente, kiu pravas en la afero, ĉu la aspektulo aŭ la kontraŭaspektulo.

## SUKCESPLENA RENKONTIĜO EN ŽILINA

**Ne en Rajecké Teplice, sed en Žilina okazis la 21-22-an de septembro la tradicia aŭtuna renkontiĝo de esperantistoj el Žilina kaj Martin, por inaŭguri la novan, elegantan kunvenejon, kiun ricevis la Žilinanoj en la moderna kaj grandioza Domo de Sindikatoj.Sabate vespere estis prezentita kultura programo kun deklamadoj de junaj rondetanoj-gepionirоj kaj kun prelegoj pri la jubileanta nacia artisto kaj esperantista verkisto Martin Benka, pri la 48-a Universala Esperanto-Kongreso en Sofio, fine pri Somera Esperanto-Tendaro en Lančov kaj pri renkontiĝo kun polaj esperantistoj /ambaŭ kun lumbildoj/.**

**La dimanĉa interŝanĝo de spertoj inter la ĉeestantaj gesamideanoj el kelkaj slovakiaj rondetoj kaj la moraviaj gastoj, estis tiel enhavoriĉa kaj interesa, ke ĝi daŭris seninterrompe la tutan antaŭtagmezon kaj estis deklarita la plej instrua, plej instiga kaj plej reala el la ĝisnunaj similaj renkontiĝoj, do la partoprenintoj post komuna fotografado disiris en siajn hejmojn tre kontentaj. /Eliz/**

## INTERNACIA RENKONTIĜO EN TELČ

La anoj de E-rondetoj en Jihlava havas dekojn da bonaj korespondamikoj en ĉiuj partoj de la mondo, kelkajn jam dum pluraj jaroj. Tion pruvis ankaŭ la ĉi-jara ekspozicio pri Esperanto en Domo de Kulturo en Jihlava, kiun vizitis dum 3 semajnoj 3.000 vizitantoj, kaj kie kolektiĝis la rezultoj de la korespondado dum la lasta jaro.

Ankaŭ en la lastaj jaroj pli ofte okazas, ke sekve de la korespondado alilandaj esperantistoj decidiĝas viziti nian landon. Ĉi-somere ni gastigis kvar tiajn vizitojn, kiuj estis festaj ne nur por la koncernaj korespondantoj, sed ankaŭ por tiuj, kiuj renkontis alilandajn esperantistojn la unuan fojon. Tial vekis atenton sciigo de unu nia anino, ke ŝia belga korespondantino partoprenos autobusan karavanon de okcidenteuropaj landoj al 48-a Universala Esperanto-Kongreso en Sofio kaj ke ili meze de augusto veturos tra nia lando. Kelkajn tagojn poste atentigis nin ankaŭ samideanoj el Brno, ke la karavano survoje el Brno al Praha haltos la 13-an de aŭgusto por tagmanĝo en Telč, najbara urbeto, belega kaj riĉa je historiaĵoj. Du esperantistinoj el Jihlava veturis unu tagon pli frue al Brno kaj kvin aliaj geesperantistoj havis eblecon liberiĝi almenaŭ por tiu ĉi tago kaj veturi al Telč por saluti la karavanon.

Estis nebula, pluvetema griza mateno de normala labortago, kiam ni kvin enautobusiĝis en Jihlava, sed niaj sentoj estis dimanĉaj. Ni devis atendi en Telč ĝis la dua posttagmeze, ĉar la karavano dumvoje malfruiĝis, sed la renkonto kun tridekkvar esperantistoj el Anglio, Nederlando, Belgio kaj Francio estis brilega kaj ĝojega. Ne estis multe da tempo; dum du horoj de ilia restado en Telč ili devis manĝi kaj viziti la faman kastelon. Tamen oni trovis tempon por saluti ilin.Per disdono da presmaterialo pri urbo Jihlava kaj dank' al s-anino Panská, ĉiu el la karavano ricevis malgrandan memoraĵon. Ni amuziĝis tre kore kaj amike, same dum la vizito de la kastelo, kie ni tradukis la klarigojn de la gvidistino. Dum malmultaj minutoj ni tiel bone amikiĝis, ke ne mankis larmoj dum la adiaŭo. Krom belegaj rememoroj personaj kaj certe ankaŭ daŭraj interrilatoj korespondaj,la utilo de la renkonto estas ankaŭ propaganda; la senpera interkompreniĝo kun diversnaciaj vizitantoj en unu sendependa internacia lingvo vekis atenton en la hotelo kaj surstrate. Same la kastela gvidistino kaj eĉ la gvidisto de ČEDOK, parolanta anglan kaj francan lingvojn /kiu dum nia ĉeesto en Telč ripozis/ petis de ni lernolibron de Esperanto. /F. Tichý/